# ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: MARTIN, Slovakotour, ĈSR-Slovakujo

VI-a JARKOLEKTO • MARTO 1951 • NUMERO 3

## Enhavo:



## Informoj de SES:

**Čínska esperantská liga v Pekine privítala čsl. kultúrnu delegáciu.** Podľa referátu časopisu „El Popola Ĉinio", 22 pekinských esperantistov sa zišlo pozdraviť čsl. kultúrnu delegáciu, ktorú viedol univ. prof. Dr. Jar. Průšek, predseda Čs.-čínskej spoločnosti a Orientálneho ústavu v Prahe. Čínski esperantisti — medzi nimi red. Honfan — odovzdali delegácii dary; okrem iného sbierku čs. noviel a básní, preloženú z esperantského vydania Čsl antologie. Rečníci zdôraznili význam esperanta pri odstránení rečových prekážok a pri sblížení kultúrnych pracovníkov oboch krajín, zemepisne tak vzdialených, ale v boji za mier tak blízkych. Podrobnejšie viď v čísle.

**Sprostredkovali sme medzi Čínou a Fínskom.** „Työkansan Sanomat", orgán Komunistickej strany Fínska, vychádzajúci v Helsinkách prevzal — z nášho časopisu Esperantisto Slovaka — výzvu čínskych esperantistov k spolupráci, a uverejnil ju po fínsky. Dokladové číslo sme odovzdali A. Malíkovi, predsedovi EAČSR pre Min. informácií.

**Japonský časopis písal o trenčianskej Merine.** „Akahata Weekly", časopis Komunistickej strany Japonska (Akahata — Červená zástava), uverejnil článok o kultúrnej činnosti Závodných klubov ROH a ilustroval ho fotografiou folkloristickej skupiny „Meriny". Článok napísal Imrich Zalupský, redaktor košickej „Práce", po esperantsky, a poslal ho redaktorovi T. Kurisu v Osake, ktorý je tiež horlivý esperantista a náš spolupracovník.

**Čo hatí prácu trenčianskych esperantistov?** Z výročnej zprávy Miestnej skupiny Slov. esperantského sdruženia v Trenčíne vynímame: „V práci nás veľmi brzdila skutočnosť, že ani v min. roku sme nemali vlastnú spolkovú miestnosť, vhodnú na schôdzky, kurzy, na umiestenie novín, knižnice a pod. — Keď uvážime, že všetky práce vykonávali členovia našej skupiny amatérsky

ESPERANTISTO SLOVAKA (adresa: Martin, Slovakotour), časopis Slov. esperantského ústavu, vychádza mesačne. Zakladateľ A. Váňa. — Redigujú: E. V. Tvarožek a zodp. zástupca Dr. Ľ. Izák. — Predplatné na rok Kcs 70.—, do cudziny Kčs 80.—. — Účet Pošt. sporit.: S-9615, Slov. esperantský ústav, Martin. — Novin. výplatné pov. Riad. pôšt pod číslom 22.857-I.-1948. Dozorný a podací pošt. úrad Martin. — Výmer PIO č. 27.407/49-III/2.

ESPERANTISTO SLOVAKA (adreso: Martin, Slovakotour, ČSR-Slovakujo), organo de Slovaka Esperanto-Instituto, aperas monate. Fondinto A. Váňa. — Redaktas: E. V. Tvarožek kaj la respondeca reprezentanto D-ro. Ludoviko Izák. — Abonprezo por eksterlando: 16 respondkuponoj aŭ egalvaloro en Esperantaj libroj.

Tlačiareň — Presejo: Tlač. závody TATRAN, n. p., Martin.

a len vo voľnom čase, a výdavky (poštovné, cestovné, ubytovanie atď.) uhradzovali z vlastných prostriedkov, vidíme, že skupina, hoci počtom nepatrná, za rok 1950 vykonala veľmi osožnú prácu a za svoju činnosť zasluhuje pozornosť verejnosti a podporu oficiálnych miest. Záverom zdôrazňujeme živelnú túžbu všetkých členov za trvalým mierom a ich pevné odhodlanie podporovať mohutné hnutie obrancov mieru. Pri propagácii esperanta viedla nás vždy myšlienka: slúžiť i na tento spôsob pokroku a spravodlivému mieru, lebo len on môže zaistiť rozvoj tvorivých slí našich národov."

**Práca všetkých esperantských činovníkov je nezištná.** Každý pracujeme zadarmo a obetavo vo voľnej chvíli Po skončení zamestnania sa začína naša tzv. „záľuba". Spolkoví funkcionári, vedúci kurzov, redakční pracovníci konajú všetko bezplatne a naši prispievatelia, autori článkov a príručiek, nedostávajú a ani nečakajú honorár. Aj časopis „Kultura Revuo", ktorý vydávalo PIO, na expedíciu pripravovali naši esperantskí brigádnici. Utešuje nás však, že to všetko nebolo nadarmo, že výsledkom našej činnosti bola naopak veľmi účinná propagácia Slovenska a ČSR, nášho budovateľského úsilia a pokrokov, po celom svete. V našej práci nás doplňujú bratské časopisy české: Esperantista a Esperanto-Servo v Prahe.

## TLAČOVÉ PODPORY

Nemohli by sme zlepšovať výpravu časopisu a vydávať obálku (ktorá zas umožňuje uverejňovať zprávy a pokyny pre našich spolupracovníkov), keby sme nedostávali podpory od samideánov, ktorí tým dokazujú, že časopis pokladajú za svoj, za predmet kolektívnej starostlivosti a spolupráce. Srdečná vďaka!

J. Osvald, Štúrovo 20.—; R. Šluchtová, L Sv. Mikuláš 100.—; Š. Závodský, Žilina 50.—; M. Rybín, Partizánska Ľupča 70.—; K. Vavrýn, Praha 50.—; E. Grich, Jasov 100.—; B. Munzar, Hořice 30.—; J. Dobisová, B Bystrica 60.—; O. Kneppová, Bratislava 40.—.

**O začlenenie nášho hnutia.** Sväz esperantistov ČSR v Prahe vyjednáva s ROH a s Min. inf. o novej organizačnej forme esperantského hnutia, keďže v duchu doby je žiadúcne zapojiť sa do masových organizácií Skupiny a kluby neboly by samostatnými organizáciami, ale časťami závodného klubu svojho miesta, prípadne Osvetovej besedy (v č. zemiach). O event. likvidácii miestnych skupín — ak by MNV niekde k nej vyzval — rozhodne sa jednotne asi v apríli **až po skončení úradných jednaní**, o ktorých výsledku podáme zprávu. Dotedy pracujte ďalej usilovne a posielajte nám zprávy o činnosti! Sväz zostane ako celoštátna organizácia pre registráciu, organizáciu tlač a propagáciu.

ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: MARTIN, Slovakotour, ĈSR-Slovakujo
VI-a JARKOLEKTO • MARTO 1951 • NUMERO 3

# Kultura Delegitaro de ĈSR en Ĉinujo

La Kultura Delegitaro de Ĉeĥoslovakujo, dumvoje tra Ĉinujo, vizitis i. a. la ĉefurbon Peking, kie bonvenigis ĝin krom aliaj kulturaj organizoj ankaŭ la reprezentantoj de Ĉina Esperanto-Ligo. La akcepto okazis en ĉeesto de 22 pekinaj esperarantistoj. La Ĉeĥoslovaka Kultura Delegacio konsistis el Prof. D-ro Jaroslav *Průšek* (ĉefo de la delegitaro), prezidanto de la Ĉeĥoslovaka-Ĉina Ligo, samtempe prezidanto de Orienta Instituto en Praha, krome D-ro Zdeněk *Hrdlička*, s-ro Walter *Stamberger* kaj sekretariino Věnceslava *Hrdličková*.

En la nomo de la Ĉina Esperanto-Ligo k-do Ĉ. Ĉen bonvenigis la gastojn, esprimante al ili la estimon de la pekinaj esperantistoj kaj prezentante la donacojn de ĈEL, inter kiuj troviĝis Esperantaj pacinsignoj, Elektitaj Verkoj de Ĉinaj Artistoj, Kolekto de Ĉeĥoslovakaj Noveloj, Kolekto de Ĉs. Poemoj. La du lastaj libretoj estas tradukitaj el Esperanta eldono de Ĉeĥoslovaka Antologio kaj en la Elektitaj Verkoj de Ĉinaj Artistoj troviĝas Esperanta klarigo. — Poste k-do *Hujucz*, estro de la Centra Eldona Administracio parolis pri malfacilaĵoj ĉe kultura interŝanĝo inter niaj du landoj pro lingva barilo kaj pri la ebleco forigi ĝin per enkonduko de Esperanto. Li esprimis la esperon, ke la ĉs. kaj ĉinaj esperantistoj plenumos ĉi tiun taskon. — K-do *Honfan*, redakcia reprezentanto de la gazeto „El Popola Ĉinio", parolis pri la nuna stato de Esperanto-movado en Ĉinio kaj prezentis la materialon, ricevitan el ĈSR.

La paroladoj tre interesis la delegitaron. D-ro Průšek kaj D-ro Hrdlička esprimis sian favoron al Esperanto kaj dankemon al la ĉinaj esperantistoj, kiujn D-ro Hrdlička salutis en la nomo de ĉs. esperantistoj. Fine li petis konsilojn de ĉinaj esperantistoj por plibonigo de la laboro de ĉs. esperantistoj.

Simpla estis la akcepto, tamen harmonia kaj amika la atmosfero. Ĉiuj ĝojis kaj aplaŭdadis, precipe kiam D-ro Průšek dankis en ĉina lingvo kaj esprimis sian opinion pri la rolo de Esperanto en la pacbatalo.

Ni esperas, ke la kunlaboro de la ĉeĥoslovakaj kaj ĉinaj esperantistoj kun la progresemaj esperantistoj en aliaj landoj, batalantaj por paco kaj demokratio, pliintensiĝos kaj pliintimiĝos.

(Eltiraĵo el gazeto „El Popola Ĉinio“ januaro 1951.)

---

# Eldiroj pri internacia lingvo kaj Esperanto

KARLO MARKS

*germana filozofo, fondinto de marksismo (1818—1883):*

Internacia lingvo kaj reformita ortografio estus mondsignifa bonfaro kaj ĝi ege helpus la unuiĝon kaj fratecon de nacioj.

LENIN (1870—1924).

En interhomaj rilatoj estas lingvo la plej grava instrumento . . . Neniajn privilegiojn al iu ajn nacio aŭ ĝia lingvo! La proletaro ĉiuforte helpos forigi la diversecojn kaj malkonstrui la barikadojn inter popoloj.

PROF. D-RO ADALBERTO EINSTEIN

*mondfama fizikisto, matematikisto kaj filozofo:*

Esperanto estas la plej brila resolvo de la ideo de internacia lingvo.

KAROL MARX

*nemecký filozof, zakladateľ marxizmu (1818—1883):*

Medzinárodný jazyk a zreformovaný pravopis by bol dobrodením svetového významu a veľmi by napomohol jednotu a bratstvo národov.

LENIN (1870—1924).

Jazyk je najdôležitejší prostriedok vzájomného styku medzi ľuďmi. . . .Nijakú prednosť tomu alebo onému národu alebo jazyku! Proletariát zo všetkých svojich síl pomôže odstrániť rozdiely a barikády medzi národmi.

Prof. Dr. ALBERT EINSTEIN

*svetoznámy fyzik, matematik a filozof:*

Esperanto je najskvelejším riešením myšlienky medzinárodnej reči.

Sendis *E. Vince*, Arad, Rumanio.

# Kio okazas en ĈSR

## LEĜO

de la 20-a de decembro 1950

POR DEFENDO DE LA PACO.

La parlamento de la Ĉeĥoslovaka Respubliko akceptis tiun ĉi leĝon:

La ĉeĥoslovaka popolo post terurigaj spertoj dum la milito kaj faŝista okupacio, fidela al la spirito de siaj progresemaj tradicioj, firme decidiĝis finkonstrui en paco kaj trankvilo sian novan kaj justecan vivon, sian feliĉon kaj ĝojigan hejmon, ĝi decidiĝis elkonstrui socialismon en sia patrujo.

La ĉeĥoslovaka popolo firme staras en la tendaro de la paco, decidinta defendi la mondan pacon, endanĝerigitan fare de la militinstigantoj. La ĉeĥoslovaka popolo kun entuziasmo akceptis la alvokon de la Dua Monda Kongreso de Pacdefendantoj kiel esprimon de neŝanĝebla decido de ĉiuj honestaj homoj en la mondo defendsekurigi la pacon kaj malebligi la eksplodon de nova milito.

En siaj popoldemokratiaj leĝoj la ĉeĥoslovaka popolo klare esprimis sian volon defendadi la pacan kunvivadon de popoloj kaj puni ĉiun, kiu endanĝerigas la pacon. Konscia pri tio, ke la instigantoj al nova milito plifortigos siajn milit-minacojn kaj la propagandon pri nova milito kaj sekvigas al siaj vortoj eĉ malkaŝajn atak-agojn, la ĉeĥoslovaka popolo proklamas tiun ĉi leĝon por defendo de la paco, por tiel denove plifirmigi kaj ankoraŭ pli efike subteni la klopodojn pri mondpaco kaj internacia solidareco.

§ 1.

1) Kiu faras provon perturbi la pacan kunvivadon de nacioj per tio, ke li iel ajn instigas al milito, militon propagandas aŭ pormilitan propagandon alimaniere helpas, tiu kulpiĝas per krimo kontraŭ la paco.

2) La kulpintoj estos punitaj per malliberigo dum 1 ĝis 10 jaroj; per malliberigo dum 10 ĝis 25 jaroj estos punita la kulpinto, se li kulpiĝos per la krimo, citita en la alineo 1

a) kiel ano de konspiro,

b) en granda amplekso, aŭ
c) se ekzistas ia alia pligraviga cirkonstanco.

§ 2

Tiu ĉi leĝo fariĝas valida en la tago de sia publikigo. La leĝon efektivigos ĉiuj registaranoj.

*J. V. Dolinský:*

## *Jam vesperiĝas . . .*

*Ne ploru, koro, ke jam vesperiĝas,*
*ke kurta[1] estis nia maja tag' —*
*Feliĉa tamen estas mi kaj ridas,*
*eĉ ridos ankaŭ en la sarkofag'!*

*Se venos Mort', kaj via bato lastos,*
*(Ja foje venos ĝi sen ajna vok'!)*
*sopirojn viajn vantajn ĝi kunrastos*
*kaj ŝutos tomben lasta per sufok'.*

*Trankvila estu, mia olda[2] koro,*
*trankvila tiam, eĉ en ĉerka lit'!*
*De Morto savos vin nek ĝoj', nek ploro,*
*eĉ ne cedemo, nek obstina spit'.*

*Al nia tomb' venados ĝojpepante*
*birdar' ĉiela en matena hor'*
*por nin ĝojigi rave, dolĉe, kante:*
*dum punce-pompe brulos la aŭror' . . .*

*Ne ploru, koro, ke jam vesperiĝas,*
*ke kurta estis nia maja tag' —*
*Feliĉa estu! . . . (Aĥ, vi gaje ridas!?)*
*Ni kune ridu eĉ en sarkofag'! . . .*

---

[1] mallonga, [2] maljuna.

# Ĥirurgia operacio antaŭ 25.000 jaroj

En „Tribuno de Ĝenevo" Profesoro Eugène Pittard publikigis artikolon, kiu konfirmas fakton de fakuloj jam plurfoje konstatitan: la prahistoriaj homoj faris ĥirurgiajn operaciojn kaj konis precipe la kranio-trepanadon.

La artikolo pritraktas la rezultojn de la ekzameno, kiun li faris sur kranio, trovita en 1948 en Saint Urnel (Finistère) en Francujo. En la kranio estas granda truo, kies randoj montras post-signojn de trepano. La longo de la truo estas 14 cm, ĝia meza larĝo 11 cm.

Profesoro Pittard opinias, ke temas pri plej grava trepano prahistoria. La operacio ne okazis en unu sola fojo, ĉar la tranĉado ne estas regula, sed konsistas el sinsekvaj arkoj, kies randoj estas rektaj aŭ klinaj kaj pli-malpli cikatriĝintaj.

„La operacianto agis rimarkinde lerte, ĉar almenaŭ antaŭ la fatala interveno li devis sekvi la vejnan sinuson, la ĉefajn meningajn arteriojn, kiuj estas tre proksimaj al la ostoj. Estas preskaŭ certe, ke ĝis tiu momento la meningoj estis nedifektitaj. Cetere, la interno de la kranio nenie havas difektojn".

En la sama komunikaĵo Profesoro Giot, kiu trovis la ostaĵon, demandas, kio instigis la operacianton interveni plurfoje? „Tio povus esti malsukcesaj antaŭaj preparoj, aŭ plej verŝajne la deziro eviti postoperaciajn reagojn. Ĉiukaze ni staras antaŭ la plej gravaj trepanoj prahistoriaj, kiuj eble estas rekordo tiuspeca."

Ni rimarku, ke la krania trepano, ĥirurgia gesto ordinara, konsistanta el formeto de osta parto krania, por rigardi la meningojn aŭ la cerbon, estas delikata operacio, ĉar la cerbo troviĝas tuj sub la osto kaj la plej eta mismovo riskas ĝin difekti. Ŝajnas eksterordinare, ke ĝi estis efektivigita sukcese per rimedoj ultraprimitivaj, pri kiuj disponis la prahistoria homo antaŭ 25-30.000 jaroj.

La prahistoriistojn frapis la ofteco de la trepanitaj kranioj, trovitaj inter fosiliaĵoj; la procento estas multe pli alta ol la probabla nombro de cerbaj malsanoj. Tio kondukas al supozo, ke la ŝtonepokuloj atribuis ĉiun malsanon, kia ajn ĝi estis, al iu demono, enfermita en la kranio. La trepanado malfermis la fenestron, tra kiu ĝi povis forfuĝi.—

Esperantigis el la franca *Maurice Cézar.*

*J. V. Dolinský:*

# Misaj kaj mise uzataj vortoj en Esperanto

## I.

Ĉiu fervora esperantisto klopodas estri kiel eble plej bone Esperanton — la lingvon, kiun li preferas al ĉiuj lingvoj parolataj en la vasta mondo, krom la gepatra. Tiun ĉi klopodon lian devus efike helpi nia Esperanta gazetaro. Sed legante Esperantajn gazetojn, oni konvinkiĝas ofte pri malo. En tiu ĉi legaĵo (neparolante pri la abundaj preseraroj) regas riĉe ortografia anarkio, eĉ lingva malkorekteco. Ne estos do senutile atentigi niajn legantojn pri iuj lingvaj malkorektaĵoj.

En tiu ĉi artikolo ni pritraktos du vortogrupojn, el kiuj la unua enhavas vortojn *mise faritajn*, la alia vortojn ja korektajn, sed al kiuj oni atribuas *malkorektan sencon.*

Al la unua grupo apartenas ekzemple la jenaj vortoj:

a) *konatulo, dormantulo, instruitulo,* k. s.

b) *burĝulo, ĉefulo, najbarulo, nobelulo, vidvulo* k. s.

Ni konsideru, ke *-ulo* (kiel sufikso) signifas personon, kies ĉefan, regantan kvaliton esprimas la antaŭa vortradiko, kiu estas do kvalitvorto (adjektivo). *La ulo-vortoj do estas kvazaŭ personigoj de la respektivaj kvalitoj.*

Antaŭ ol ekanalizi la supre indikitajn misajn vortojn, ni citu la regantan principon, la „logikan bazon de la Esperanta vortfarado“, kiun siatempe fiksis eminenta esperantisto, fama lingvisto, Universitata Profesoro René de Saussure. Tiu ĉi principo en konciza koncepto de Dro K. Kalocsay tekstas jene: „Oni enkonduku en vorton ĉiujn elementojn, kiuj *necesas,* sed ne pli ol kiom *sufiĉas* por la klara kaj plena elvoko de la ideo esprimota.“

Analizante nun la sub a) kaj b) indikitajn vortojn oni trovas, ke neniu el ili esprimas kvaliton de persono, sed oni trovas ankaŭ gravan fakton, ke la sufikson *-ul* en vortoj sub a) antaŭas *participa substantivo* pri kiu diras Zamenhof (kaj la bona lingvo-uzo ĝin konsideras ankaŭ tia), ke *participa substantivo jam per si mem signifas personon!*

Sekve la vorto „konatulo“ kaj aliaj simile faritaj vortoj, havas du elementojn indikantajn personon, nome: la participan *-ato* (aŭ *-anto)*

kaj la person-sufikson *-ulo. Do pli ol estas necese* por elvoki la ideon de persono.

Do anstataŭ la supre indikitaj misaj formoj uzu la sole korektajn: *konato, dormanto, instruito,* ktp.

Samkaŭze misaj estas la vortoj indikitaj sub b), ĉar jam sen la *ul*-sufikso ili estas nomoj de personoj. Sekve ilia korekta formo estas la jena: *burĝo, ĉefo, najbaro, nobelo, vidvo* ktp.

La *ul*-sufikso povas ja esti uzata ankaŭ post la personindikaj radikoj, sed ĉi-kaze al la respektiva vorto ĝi donas neordinaran sencon, ekzemple: *patrulo* estas pastro aŭ monaĥo, *patrulino* — monaĥejestrino, *fratulo* estas monaĥo, sokolo aŭ kunfrato, *fratulino* — monaĥino, sokolino, ktp.

Krome la *ul*-vorto povas kelkokaze signi eĉ beston, ekzemple: *kornulo, rampulo, remaĉulo,* ktp.

Memortenu, ke la specialan aldonon al kontrakto oni ne nomas „klaŭzulo" — sed *klaŭzo!*

Alia speco de mise faritaj vortoj estas la sekvaj: *ĉionpova, ĉionscia, ĉionvida, neniondira, nenionfara,* k. s.

Estas konate, ke la lingvo-scienco klasigas la lingvojn, pro la diverseco de iliaj karakteroj, je lingvoj *unusilabaj* (kiel la ĉina); *fleksiaj,* kiuj laŭ deklinacio kaj konjugacio modifas la vortojn (kiel ekzemple la slovaka) kaj *aglutinaj,* kiuj kreas vortojn per kunmeto, algluado de memstaraj vortelementoj. Al tiu ĉi lingvogrupo apartenas el la naturaj lingvoj la finn-ugraj, ekzemple la hungara, kaj el la artefaritaj ekzemple Esperanto.

La fakton, ke Esperanto estas lingvo aglutina, oni devas konsideri kreante en Esperanto vortojn kunmetitajn. Kio ĝustas ĉi-koncerne en la hungara, tio estas korekta ankaŭ en Esperanto.

En la hungara oni diras: mindenható = ĉiopova, mindentudó = ĉioscia; kvankam la vorto „minden" = ĉio, en la kunmeto egalas „mindent"; Esperante „ĉion", do vorton kun akuzativa finaĵo! Sekve la korekta formo de vortoj: ĉionpova, ĉionscia, ĉionvida, neniondira, ktp. estas *ĉiopova, ĉioscia, ĉiovida, nenidira, nenifara,* k. s. Sed oni diru duvorte: ĉion povanta, ĉion scianta, ĉion vidanta, nenion diranta, nenion diranta, nenion faranta, ktp.

(Finota.)

*Ludmila Podjavorinská:*

## Miaj sonĝoj

Mi sonĝetojn sonĝas ja
tiam nur senĝene,
se kanteton metas mi
liten kapkusene.

Tiam havas mia kor'
sonĝon la plej belan,
se dumnokte mia pens'
vagas regnon stelan.

Tradukis J. V. Dolinský

*Stanislav Knížek:*

## Horloĝo — malgranda miraklo

La poŝ- aŭ brakhorloĝo konsistas proksimume el 100 diversaj partoj. Tiuj ĉi konsistaĵoj funkciigas unu la alian per matematika precizeco. La malgranda balanciero, kiu regulas la funkciadon de la horloĝo, kiu dum tagoj kaj noktoj, jarojn post jaroj senĉese persisteme moviĝas, plenumas tiamaniere la mirindan funkcion, kiu ne povas esti efektivigata de iu alia maŝino aŭ mekanismo.

Mi volas tion al vi pruvi per sekvantaj klarigoj.

La diametro de unu normala poŝhorloĝa balanciero mezuras 14—18 mm. Vi bone scias, ke ĝi turniĝas, pli precize dirite balanciĝas tien kaj reen. Imagu nun, ke la balanciero — anstataŭ tien kaj reen balanciĝi — ruliĝas nur unudirekten. En tiu ĉi kazo iu imagita punkto sur perimetro de la balanciero, dum unu turniĝo je 360 angulaj gradoj, efektivigas 56.5 mm. longan vojon. Sed la balanciero ne turniĝas je 360 gradoj, sed proksimume je 540 gradoj, tial unu turniĝo poste mezuras tien 84.75 mm kaj reen la samon. Dum unu sekundo la balanciero turniĝas ĉiam kvinfoje — do la punkto sur ĝia perimetro efektivigas vojon longan

423.75 mm, dum unu minuto 2.542 cm (aŭ 25.4 m), dum unu horo ĝi faras 1525 m (proksimume 1 kaj duonon da km) kaj dum unu tago 36 km (precize 36.612 km).

Horloĝo kutime funkcias sen riparo 3 jarojn; dum tiu tempo la supozita punkto sur perimetro de la balanciero efektiviĝas 39.420 km longan vojon, kio egalas preskaŭ al longeco de ekvatoro. La balanciero turniĝas sur du pivotoj, kies diametro mezuras nur 0,12 mm.

Lokomotivo, kiu funkcias 10 horojn potage per rapideco de 45 km pohore, devus funkcii 89 tagojn por efektivigi la saman vojon, kiun la balanciero plenumas dum 3 jaroj. La lokomotivo devus funkcii 8.900 tagojn, t. e. dum 24 jaroj ĉiutage 10 horojn, ĝis ĝia akso farus la saman nombron de turniĝoj, kiun efektivigas la malgranda pivoto de balanciero dum 3 jaroj.

Mi estas tute certa, ke multaj el vi tute ne zorgas pri via horloĝo kaj mi scias, ke vi neprave estas malkontentaj, se ĝi post 1—2-jara bona funkciado subite ne montras precizan tempon aŭ iom difektiĝas.

Se vi respektas la laboregon kaj malgrandecon de via horloĝo kaj se vi postulas de ĝi precizecon, vi devas ĝin ĝustatempe transdoni al horloĝista specialisto, kiu sanigos ĝin. La horloĝo estas via amiko, kiu al vi senĉese servas, tial ĝi meritas ankaŭ viaflanke dankoplenan zorgadon kaj delikatan manipuladon.

La balanciero havas spiral-risorton, kiu konsistas el tre sentema hardika ŝtalo. Ĉiu nespecialista aŭ fuŝa tuŝeto difektas ĝin. La valoro de spiralrisorto estas kelkoblo de la valoro de sampeza oro; tamen ĉiu fuŝulo kaj diletanto tre ŝatas piki en ĝin per kudrilo aŭ tranĉileto, se la horloĝo subite ĉesas funkcii.

La plej granda malamiko de horloĝo estas la polvo. Ĝi enpenetras ĉien kaj ankaŭ en bone fermitan horloĝon. Ju pli malgranda estas la horloĝeto, des malpli da polvo sufiĉas por kaŭzi ĝian malfunkciadon kaj difektiĝon. Ankaŭ la oleado estas tre grava afero. Mi avertas vin, ne lubriku mem vian horloĝon per iu ajn maŝin-oleo. La ŝtonlagroj estas profundaĵetformaj kaj ili prizorgas la radpivotojn per oleo. Tiu devas esti flumoleca kaj likviĝema, por ke ĝi ne gluu. La eta kvanto kaj la necesa maldenseco de oleo estas kaŭzoj, ke ĝi iom post iom sekiĝas. Tial la internacia horloĝista organizo donas nur duonjaran garantion por brakhorloĝoj.

Se vi transdonas vian horloĝon al horloĝisto-fakulo por riparo, ne

pensu, ke li ĝin nur simple purigos. Solida specialisto tre zorge ekzamenas, kiu ero el 100 partoj de via horloĝo estas difektita. Li certe devos iun ripari aŭ anstataŭi. La lubrikado de horloĝo estas vere malgranda scienco. Antaŭ ĉiu lubrikado devas esti forigita la malnova ŝmiraĵo, aliokaze ĝi senvalorigas la novan oleon. Por lubrikado estas uzataj tri diversspecaj oleoj.

Ne postulu de via horloĝeto maleblecon — ekzemple, ke ĝi daŭre je sekundo precize montru la tempon laŭ radiosignaloj. La kronometro de observejo, laŭ kiu la tempo per radiosignalo estas elsendata, valoras centmilfoje pli multe ol via horloĝo. La observeja kronometro estas fermita en speciala vitra ujo, en kiu oni per baroskopo kontrolas konstantan aerpremon. Ĝi estas lokita en speciala ejo kun konstanta varmogrado, kie la ebleco de skuoj estas plej malgranda. La nepreciza̧n funkciadon de via poŝ- aŭ brakhorloĝo kaŭzas la senĉesa movado de via korpo, brako, aŭ ŝanĝiĝo de varmo kaj diversaj aliaj influoj.

Ĉiu horloĝo laŭ sia grandeco kaj kvalito devas esti post 1—3 jaroj purigita kaj reviziita. Tio estas ĉe ĉiu alia maŝino pli frue urĝa kaj memkomprenebla, tial de unu horloĝo oni ne atendu eternan kaj precizan funkciadon.

Konfidu vian horloĝon nur al vera specialisto kaj ne lasu ĝin detrui de iu ajn fuŝulo. Fuŝita horloĝo ne funkcias plu bone.

Se vi zorgoplene manipulas vian horloĝon, ĝi rekompencas vin per relativa precizeco. Restreĉu vian horloĝon regule matene (aŭ vespere), dumnokte lasu ĝin en la sama pozicio (pendanta aŭ kuŝanta). Gardu ĝin antaŭ fortaj magnetoj (ekz. elektomotroroj, radioaparatoj', alie ĝia delikata spiralrisorto magnetiĝas kaj la precizeco de la horloĝo tute detruiĝas. Ŝirmu ĝin kontraŭ pli grandaj diferencoj de varmeco ol 20 varmogradoj. Ekzemple la horloĝo portita dumtage sur brako aŭ en poŝo, ne povas montri precize, se ĝi dumnokte kuŝas sur glacimalvarma vitro de nokta tableto en nehejtita dormoĉambro. En malvarmo la horloĝo plirapidiĝas, en varmo ĝi malfruiĝas.

Malnovaj, tre ofte riparitaj horloĝoj ne povas funkcii kiel la novaj. Ankaŭ bona horloĝo foruziĝas per sia senripoza aktiveco dum longaj jaroj kaj ĝi meritas ripozon. Tial la memoraĵojn pri niaj geavoj ni konservu plej bone en vitrinoj kaj ne uzu ilin plu.

Al viaj horloĝoj mi deziras bonan funkciadon kaj precizan tempon.

(Prilaborita laŭ „Instrukcioj de horloĝista gildo por forumo").

# Pliperfektiĝu!

## LA KOKO KAJ LA SUNO.

Estis nelonge antaŭ tagiĝo. La koko — laŭ sia naturo — laŭte kriis. La dommastro vekiĝis pro la krio, malfermis siajn okulojn, alrigardis la ĉielon kaj diris:

„La koko krias, la suno baldaŭ eliros“.

Kaj fakte, la suno baldaŭ aperis. La koko kredis, ke la suno eliris pro lia krio kaj estis tre kontenta pri sia potenco kaj paŝadis sur la korto ankoraŭ pli fiere ol antaŭe.

La sekvantan mateniĝon la koko pensis:

„Hodiaŭ mi ne krios kaj la suno ne aperos.“

Kaj ĝi ne kriis. Sed la suno aperis kaj brilis helege la tutan tagon.

„Kial ĝi aperis, se mi ne kriis?“ koleregis la koko kaj silentis dum kelkaj tagiĝoj sinsekve. Sed la suno aperadis regule.

Sabate vespere la dommastrino diris:

„La koko perdis sian voĉon, ni manĝu ĝin!“

Kaj ili manĝis la kokon je la dimanĉa tagmanĝo.

*EVT.*

## KOHÚT A SLNCE.

Bolo krátko pred svitaním. Kohút — ako mu to jeho prirodzenosť kázala — hlasno zakikiríkal. Gazda sa na toto zakikiríkanie zobudil, otvoril oči, pozrel na oblohu a povedal:

„Kohút kikiríka, slnko čoskoro vyjde.“

A naozaj, slnko zakrátko vyšlo. Kohút si myslel, že slnko vyšlo preto, lebo zakikiríkal, a bol veľmi spokojný, že má takú moc a chodil po dvore ešte pyšnejšie ako predtým.

Na druhý deň pred svitaním si kohút pomyslel:

„Dnes nezakikiríkam a slnko nevyjde.“

A nezakikiríkal. No slnko vyšlo a žiarilo po celý deň.

„Prečo vyšlo, keď som nekikiríkal?“ jedoval sa kohút a niekoľko dní po sebe sa pred svitaním ani neozval. Ale slnko vychádzalo pravidelne.

V sobotu večer gazdiná povedala:

„Kohút stratil hlas, zjedzme ho!“

A zjedli kohúta v nedeľu na obed.

# -ujo, -io, -lando

La problemo pri landnomoj en nia lingvo estas unu el la plej malfacilaj. Estis certe grava eraro, ke Zamenhof *donis al la sufikso* „-uj-" 3 signifojn: *kesto* (aŭ simila), *frukt-arbo, lando*. Jam la du unuaj estas konfuzigaj. Ĉu pomujo estas pomarbo aŭ pomkesto, pelvo aŭ vazo? Sed por landnomo ĝi estas eĉ pli nekonvena. Jam laŭ la Fundamento ĝi ne taŭgas por ĉiuj landnomoj. Nur tiam ĝi estas uzebla (laŭ la Fundamento), kiam ekzistas nomo de popolo (svedo, dano, germano ktp.), al kiu oni povas aldoni la sufikson. Sed ekzemple en Aŭstrio, Belgio, en Amerikaj ŝtatoj kaj en Aŭstralio ne ekzistas popoloj, kiuj povus doni sian nomon al la ŝtato. Kontraŭe oni formas la nomon de loĝanto per la sufikso „*-an-*": Aŭstraliano, Amerikano.

Se la internacie uzata formo de landnomo finiĝus per *ia* (Rumania, Germania, Belgia), tiam oni rajtus ŝanĝi la lastan vokalon *a* je *o* kaj formi la nomojn Rumanio, Germanio, Belgio, kiuj ne estas kontraŭfundamentaj. Same ĉe Aŭstrio — la loĝanto de Aŭstrio do estas aŭstriano. Sed ne estas facile decidi, al kiu el tiuj du kategorioj apartenas la nomo de iu lando. Ĉu ekzistas sviso kaj Svislando, ukrajno kaj Ukrajnujo, mongolo, Mongolujo? Sed, krom tiu por esperantistoj interna problemo, ekzistas alia, eĉ pli grava kaŭzo, kiu postulas la solvon de la problemo.

Landnomojn oni plej ofte uzas por adresoj, kiujn devas kompreni ne-esperantistaj poŝtistoj. Por ili la vortoj kun „*-ujo-*" estas mirigaj kaj ofte eĉ nekompreneblaj. La vortfinaĵo „*-io-*" estas pli konvena (tute konvena en kelkaj landnomoj: Aŭstrio, Rumanio) kaj tial nuntempe jam multe uzata. Sed ankaŭ ĝi estas ne ĉiam tute taŭga (Egiptio, Venezuelio?)

La solvo de la problemo urĝas. Ĉu ne estus provizore konsilinde forlasi ĉiujn finaĵojn de landnomoj kaj uzi la plej internaciajn formojn sen Esperantigo? Kaj ĉu estus necese uzi finaĵojn por geografiaj nomoj (escepte de kelkaj plej oftaj en Esperanta teksto: Nov-Jorko, Parizo), sed ne en adresoj!?

*Hannes Koivu*

*Helsinki Finnlando*

Rimarko de la redakcio:

La klopodoj, uniformigi la landnomojn per unusola finaĵo, ŝajnas al ni vanaj, ĉar ili ne povas sukcesi. Por fini la „io-ujo" — ba-

talon ni sugestas, ke iu kompetenta instituto aŭ komitato decidu (konsiderante ĉiujn tri finaĵojn: *-io, -ujo, -lando* kiel egalrajtaj), kiuj landoj estu skribataj kun *-ujo*, kun *-io* aŭ *-lando*, kaj faru oficialan liston de landnomoj, kiu estus fidinda gvidilo, oficiala, valida por ĉiu.

Ni tute konsentas kun la aŭtoro, ke la Esperantigitaj landnomoj estu uzataj *nur* en Esperantaj tekstoj. Uzi ilin en adresoj ne havas sencon, ĉar la indikon de la lando de destino bezonas nur vialanda poŝtoficisto kaj tial estas plej grave ke li bone komprenu. Se vi do uzos la Esperantan landnomon, nepre aldonu ĝin ankaŭ en via nacilingva „traduko"!



Kastelruino de Zvolen, mezepoka sidejo de husita armeestro Jiskra.

*D-ro K. Gam:*

# *Nokto en dezerto*

*Tuŝproksime de Vadi Halfa komenciĝas la dezerto. Kuriozaj tablecaj montoj, amasoj da brunaj, ja preskaŭ nigraj ŝtonoj, unuope starantaj ŝtonegoj de strangaj formoj, similaj al betoloj, ŝildoj kaj eĉ al sfinksoj. Ili estas la pordego al infero kaj samtempe al la sidejo de la morto. Ili estas la pordego kun surskribo: „Vi, kiuj eniras, forlasu ĉiun esperon pri reveno!“*

*Jes, la dezerto ĉiam estis por la homo la bildo de ĉiu malbono.*

*„Ĉu la dezerto efektive estas t'el malbona?“ mi demandis min mem.*

*Stranga regiono, plena de paradoksoj. Regiono de fulmotondroj sen pluvo, nuboj, el kiuj neniam pluvas, kie riveroj estas sen enfluoj, teritorioj kun lagoj sen firmaj bordoj, lagoj sen firmaj fundoj, lagoj kiuj post kelke da jaroj malaperas aŭ ŝanĝas lokon, lagoj kun granda procento da salo, lagoj, el kiuj la akvo neniam elfluas. Senakvaj fluejoj de riveroj, kirasaj rokoj kaj skvamite senŝeligitaj ŝtonegoj, kreskajoj sen folioj, fiŝoj kun plumaro, birdoj sen flugiloj kaj homoj sen hejmo, vagantaj de unu loko al alia, homoj, kun kiuj paŝas la morto. Sed tiuj ĉi homoj ne timas la morton, ili rigardas en ĝian vizaĝon, rigardas ĝin, kiam ĝi venas en diversaj formoj. „Allah akbar!“ — Dio estas potenca, kaj se ilia sorto — kismet — estas tia, do ili mortos en tiu regiono, kiun ni nomas dezerto.*

*Ĉu la dezerto havas tute nenian belecon?*

*Jes, ĝi havas. Ĝi estas la nokto, arabe nomata „leila“, kun kiu la loĝantoj de la dezerto kaj eĉ la blanka vojaĝanto identigas ĉion belan. Nur tiu, kiu vojaĝas en tiu ĉi dezerto de ŝtonoj, sablo kaj varmega suno ekkomprenos, kiom da ĝojo kaj ravo alportas la nokto. Vesperoj ĉe la tendara fajro, blankaj statuoj en „hali“ (burnuso), la flagretado de la fajro, la malvarma aero de la nokto, kiun la homoj atendas kiel junulo sian amatinon post longa disiĝo. „Leila“ nomas arabo sian filinon kaj se li karesas sian amatinon, li nomas ŝin „mia stel-riĉa nokto“. Eĉ la araba poeto finas sian poemon per la vorto „leila“. Post tago de varmego la nokto estas donacanto de agrabla malvarmo, paco kaj ĝojo.*

*Estas vespero, — vespero en la Nubia dezerto. Nia rakontisto de fa-*

*beloj kaj rakontoj pri heroaĵoj eksilentas, nur la lipoj de niaj beduinoj flustras fragmenton el korano: „. . . vi batalu pro vera religio kontraŭ tiuj, kiuj batalos kontraŭ vi, sed ne ataku ilin unuaj, ĉar Allah ne amas tiujn, kiuj agas malĝuste . . .“ Genuantaj beduinoj, prilumitaj de la flava luna lumo, estas kvazaŭ statuoj elĉizitaj sur la tomboj de antikvaj egiptanoj. La suno jam antaŭ longe kaŝiĝis malantaŭ Afrikon kaj eniris en la mondon de Osiris, kiam aperis sur la ĉielo la unua stelo, kiel brilo de reflektoro sur forlasita ŝipo sur la maro. En senfina nigro de la afrika nokta ĉielo la luno koketas kun la stelo, ĝis ĝi alten-leviĝas sur la mosliman ĉielon kaj brilas kiel diamanto.*

*La dezerto estas trankvila kaj paca. La trankvilo estas interrompata nur per lamentado de izola strigo aŭ bojado de ĉasantaj ŝakaloj. Kaj super ĉio estas la nedifinebla io, kio batas en la koro de la vera ŝatanto de dezerto.*

*En tiuj ĉi senakvaj dezertoj de sablo kaj suno, de nigraj rokoj kaj pala luno ekestas en ni sento de homeco. Tion kaŭzas la intensa trankvilo de la senfina ĉielo, la longa horizonto, malaperanta kaj dissolviĝanta en la koloroj de alia mondo.*

*Sub la tendoj ĉio ekdormas kaj ekregas profunda silento. La steloj briletas en paco, flagretas en sia gloro. Jes, tiel aspektas la nokto en dezerto. Kaj kiam vi ĉion ĉi ekkonos, kiam vi estos aŭskultintaj beduinajn kantistojn kanti pri oazoj kun fluetanta akvo kaj fekundaj palmoj, pri knabinetoj kun gazelaj okuloj, kun lipoj ruĝetaj kiel burĝonoj kaj kun oreloj kiel konkoj, poste vi ekkonos, ke la dezerto kaŝas en si multe da beleco.*

*Kaj ĉiu ĉi beleco estas esprimita en la unusola vorteto: „leila“ — la nokto.*

*El la ĉeĥa tradukis Vlastimil Antoš*

---

## ATENTIGO!

Esperantaj kluboj, societoj, progresigaj kursoj, priturismaj fakuloj, seriozaj naturamantoj kaj Esperanto-propagandistoj ricevos 32-paĝan specialan kajeron de nia gazeto (kun 80 heliogravuraj bildoj) pri stalagmitaj grotoj, krome 16-paĝan luksan kajeron pri urbo Martin kaj ĝia ĉirkaŭaĵo. Interŝanĝe ni danke akceptos Esperantajn literaturaĵojn aŭ internaciajn rpk. Skribu al „Esperantisto Slovaka“, MARTIN, ĈSR-Slovakujo.

# *Nokto en dezerto*

*Tuŝproksime de Vadi Halfa komenciĝas la dezerto. Kuriozaj tablecaj montoj, amasoj da brunaj, ja preskaŭ nigraj ŝtonoj, unuope starantaj ŝtonegoj de strangaj formoj, similaj al betoloj, ŝildoj kaj eĉ al sfinksoj. Ili estas la pordego al infero kaj samtempe al la sidejo de la morto. Ili estas la pordego kun surskribo: „Vi, kiuj eniras, forlasu ĉiun esperon pri reveno!“*

*Jes, la dezerto ĉiam estis por la homo la bildo de ĉiu malbono.*

*„Ĉu la dezerto efektive estas tiel malbona?“ mi demandis min mem.*

*Stranga regiono, plena de paradoksoj. Regiono de fulmotondroj sen pluvo, nuboj, el kiuj neniam pluvas, kie riveroj estas sen enfluoj, teritorioj kun lagoj sen firmaj bordoj, lagoj sen firmaj fundoj, lagoj kiuj post kelke da jaroj malaperas aŭ ŝanĝas lokon, lagoj kun granda procento da salo, lagoj, el kiuj la akvo neniam elfluas. Senakvaj fluejoj de riveroj, kirasaj rokoj kaj skvamite senŝeligitaj ŝtonegoj, kreskaĵoj sen folioj, fiŝoj kun plumaro, birdoj sen flugiloj kaj homoj sen hejmo, vagantaj de unu loko al alia, homoj, kun kiuj paŝas la morto. Sed tiuj ĉi homoj ne timas la morton, ili rigardas en ĝian vizaĝon, rigardas ĝin, kiam ĝi venas en diversaj formoj. „Allah akbar!“ — Dio estas potenca, kaj se ilia sorto — kismet — estas tia, do ili mortos en tiu regiono, kiun ni nomas dezerto.*

*Ĉu la dezerto havas tute nenian belecon?*

*Jes, ĝi havas. Ĝi estas la nokto, arabe nomata „leila“, kun kiu la loĝantoj de la dezerto kaj eĉ la blanka vojaĝanto identigas ĉion belan. Nur tiu, kiu vojaĝas en tiu ĉi dezerto de ŝtonoj, sablo kaj varmega suno ekkomprenos, kiom da ĝojo kaj ravo alportas la nokto. Vesperoj ĉe la tendara fajro, blankaj statuoj en „hali“ (burnuso), la flagretado de la fajro, la malvarma aero de la nokto, kiun la homoj atendas kiel junulo sian amatinon post longa disiĝo. „Leila“ nomas arabo sian filinon kaj se li karesas sian amatinon, li nomas ŝin „mia stel-riĉa nokto“. Eĉ la araba poeto finas sian poemon per la vorto „leila“. Post tago de varmego la nokto estas donacanto de agrabla malvarmo, paco kaj ĝojo.*

*Estas vespero, — vespero en la Nubia dezerto. Nia rakontisto de fa-*

*beloj kaj rakontoj pri heroaĵoj eksilentas, nur la lipoj de niaj beduinoj flustras fragmenton el korano: „. . . vi batalu pro vera religio kontraŭ tiuj, kiuj batalos kontraŭ vi, sed ne ataku ilin unuaj, ĉar Allah ne amas tiujn, kiuj agas malĝuste . . .“ Genuantaj beduinoj, prilumitaj de la flava luna lumo, estas kvazaŭ statuoj elĉizitaj sur la tomboj de antikvaj egiptanoj. La suno jam antaŭ longe kaŝiĝis malantaŭ Afrikon kaj eniris en la mondon de Osiris, kiam aperis sur la ĉielo la unua stelo, kiel brilo de reflektoro sur forlasita ŝipo sur la maro. En senfina nigro de la afrika nokta ĉielo la luno koketas kun la stelo, ĝis ĝi alten-leviĝas sur la mosliman ĉielon kaj brilas kiel diamanto.*

*La dezerto estas trankvila kaj paca. La trankvilo estas interrompata nur per lamentado de izola strigo aŭ bojado de ĉasantaj ŝakaloj. Kaj super ĉio estas la nedifinebla io, kio batas en la koro de la vera ŝatanto de dezerto.*

*En tiuj ĉi senakvaj dezertoj de sablo kaj suno, de nigraj rokoj kaj pala luno ekestas en ni sento de homeco. Tion kaŭzas la intensa trankvilo de la senfina ĉielo, la longa horizonto, malaperanta kaj dissolviĝanta en la koloroj de alia mondo.*

*Sub la tendoj ĉio ekdormas kaj ekregas profunda silento. La steloj briletas en paco, flagretas en sia gloro. Jes, tiel aspektas la nokto en dezerto. Kaj kiam vi ĉion ĉi ekkonos, kiam vi estos aŭskultintaj beduinajn kantistojn kanti pri oazoj kun fluetanta akvo kaj fekundaj palmoj, pri knabinetoj kun gazelaj okuloj, kun lipoj ruĝetaj kiel burĝonoj kaj kun oreloj kiel konkoj, poste vi ekkonos, ke la dezerto kaŝas en si multe da beleco.*

*Kaj ĉiu ĉi beleco estas esprimita en la unusola vorteto: „leila“ — la nokto.*

*El la ĉeĥa tradukis Vlastimil Antoš*

---

## ATENTIGO!

Esperantaj kluboj, societoj, progresigaj kursoj, priturismaj fakuloj, seriozaj naturamantoj kaj Esperanto-propagandistoj ricevos 32-paĝan specialan kajeron de nia gazeto (kun 80 heliogravuraj bildoj) pri stalagmitaj grotoj, krome 16-paĝan luksan kajeron pri urbo Martin kaj ĝia ĉirkaŭaĵo. Interŝanĝe ni danke akceptos Esperantajn literaturaĵojn aŭ internaciajn rpk. Skribu al „Esperantisto Slovaka“, MARTIN, ĈSR-Slovakujo.

## PERSONAJ SCIIGOJ

Al ges-anoj Pavlo Rosa kaj Etela, nask. Hartlová, naskiĝis filo Branislav. Koran gratulon!

Ni esprimas sinceran kondolencon al nia kunlaboranto Št. R. Seemann, okaze de morto de lia amata patrino.

**Klubaj sciigoj**. Košice: la jarkunveno de Loka Grupo de SES okazis la 21-an de febr. Estis elektita jena komitato: prez. — Inĝ. J. Fischhof, vicprez. — F. Lelovits, sekretario — Frant. Kočiščák, protokolisto — J. Šulek, kasisto — H. Kaviaková, revizoroj — J. Ferko, J. Neumann, komitatanoj: J. Kočiš, M. Amrichová, V. Farkašovská. — Poprad: La 7-an de februaro okazis solena 50. kunveno de Loka Grupo sub prezidanteco de M. Zvara. M. Neubeler interalie parolis pri forigo de la nunaj malfacilaĵoj kaj pri la venonta laboro. Post. la oficiala parto sekvis komuna vespermanĝo kaj amuzado. — Martin: La grupo stagnis dum duonjaro pro manko de kunvenejo. Dank' al Entreprena Klubo de Matica slovenská, ni nun povas kunvenadi en ĝia klubejo. Ĉi tie ni okazigis ankaŭ nian „revivigan" jarkunvenon ia 17-an de januaro. Tiu ĉi tago signifas la komencon de nova laborperiodo. Ni kunvenadas ĉiusemajne kaj laboras laŭ anticipe fiksita plano. Por ĉeesto en la kunveno kaj por aktiva partopreno en la programo, ĉiu ano ricevas poentojn (laŭ la speco kaj daŭro de lia programero). Per tio ni volas instigi konkuradon inter la anaro. La programoj estas parte klerigaj, parte amuzaj; progresiga lingva lecioneto estas regula programero. Krom tio ni komune kantas kaj ludas.

## ANONCETOJ

MALLONGIGOJ: dez.—*deziras;* kor.—*korespondi;* iŝ.—*interŝanĝi, -as;* pm.—*poŝtmarkoj(n);* pk.—*poŝtkartojn;* il. pk.—*ilustritajn pk;* ĉ. l.—*ĉiuj landoj;* ĉ. t.—*ĉiuj temoj;* t. m.—*tuta mondo;* espaĵoj(n)—*esperantaĵoj*(n); esp-isto—*esperantisto;* ktp.—*kaj tiel plu;* k. s.—*kaj simile;* rk.—*respondkupono internacia;* g.—*gazeto;* Rc!—*respondas certe!*

Ĉiu anoncanto morale devigas sin respondi almenaŭ unufoje al ĉiu, kiu skribos al li.

S-ano Inĝ. Johann Mora, KUFSTEIN-2, Postfach 21, Tirol, Aŭstrujo, dez. kor., iŝ. pm., il. pk., g-ojn ktp. Rc!

S-ano Kamilo Solot, VERVIERS, Mangomboux-strato 97, Belgujo, dez. kor. kun slovakaj ges-anoj pri ĉ. t., precipe pri Esp-o-movado. Rc!

S-ano Miloš Rybín, 25-ja. razisto, PARTIZÁNSKA ĽUPČA 193, ČSR-Slovakujo, dez. kor. kaj iŝ. esp-aĵojn kun t. m. Rc!

Esperanta Koro, Brno-25, ČSR, dez. kor. kun t. m. pri abelbredado.

6 gimnazianoj en BURGAS, Bulgarujo, dez. kor. kaj iŝ. ĉiuspecajn esp-aĵojn kun t. m.: Vladimir Bojkov, Str. Mara Gidika 25; Stojan Velicov Georgiev, Str. Car Samoil 123; Janĉo Petrov Janev, Str. Kliment Ohridski 26; Zaprjan Iv. Kamburov, Str. Aleksandrovka 76; Ivan Kirov, Str. Trajko Kitanchev 22; Goĉo Stojanov Nikolov, Kvartalo Georgi Dimitrov.

S-ano Jarda Pelćman, PLZEŇ, Hradiště 95, serĉas gekorespondantojn el Slovakujo.

*Ludo Izák:*

## KURZ ESPERANTSKÉHO DOPISOVANIA.

Rozumie sa, i v esperante je skloňovanie podstatných mien, s ktorým sa celkom shoduje i skloňovanie mien prídavných. Tým, ktorí majú radi gramatický poriadok a prehľad, prezradíme, že môžeme tvoriť dokonca 7 pádov ako v slovenčine. Tých však, ktorí nemajú radi mluvnicu, môžeme upokojiť, že keď vedia prvý pád, ľahko utvoria všetky ostatné a že *pádovú koncovku „-n“ má len štvrtý pád, kým ostatné* (2, 3, 5—6—7) *tvoríme s pomocou „predložiek“*.

amiko — amiko*n* (priateľ-priateľ*a*), kamarado-kamarado*n* (kamarát-kamarát*a*, súdruh-súdruh*a*).

letero-letero*n* (list), saluto-saluto*n* (pozdrav)

| | | | |
|---|---|---|---|
| skribi<br>sendi<br>ricevi | leteron | písať<br>poslať<br>dostať | list |

saluti amikon — pozdraviť priateľa, akcepti saluton — prijať pozdrav *bona* — dobrý, -á, -é; *bela* — pekný, *longa* — dlhý, *kora* — srdečný; *sincera* — úprimný, *kara* — drahý, milý.

Mi ricevis longan, belan leteron — Dostal som dlhý, pekný list.
Mi sendas koran saluton! — Posielam srdečný pozdrav!

*Predložka (prepozicio)* je neohybné (neskloňovateľné) slovo, ktoré kladieme pred mená a tým zmeníme ich smysel.

Uvedieme niektoré predložky:

| | |
|---|---|
| *al* — k | *per* — jedna z predložiek 7. pádu |
| *antaŭ* — pred | *post* — za |
| *ĉe* — u, pri | *pri* — o |
| *de* — od | *sub* — pod |
| *en* — v | *super* — nad |
| *kun* — s (spolu) | *sur* — na |

*Prvý pád* (nominativo), odpovedá na otázku: *kto, čo (kiu, kio?)*

*Druhý pád* (genitivo), tvoríme predložkou *„de“*, odpovedá na otázku: *koho, čoho; čí, čia, čie?* Zároveň značí i smer: *„od“*. Letero de amiko — list priateľov, *od* priateľa.

*Tretí pád* (dativo), tvoríme predložkou *„al“*, odpovedá na otázku: *komu, čomu?* Zároveň značí aj smer: *„k“*. Letero al kamarado — list súdruhovi, *k* súdruhovi. Mi sendas al vi leteron — posielam ti (vám, Vám) list, ale: Mi sendas al vi bonan amikon — posielam *k* tebe (k vám, k Vám) dobrého priateľa.

*Štvrtý pád* (akuzativo) tvoríme pádovou koncovkou *„-n“*, odpovedá na otázku: *koho, čo?* ... Sinceran saluton! — Srdečný pozdrav!

*Piaty pád* je bez predložky ako 1. pád, značí oslovenie, zvolanie: Amiko! — Priateľu! ... Ho, sinjoro! — Ó, pane!

*Šiesty pád* (náš „lokál“) odpovedá na otázku: *o kom, o čom?* Tvoríme ho predložkou *„pri“* ... Mi skribas leteron *pri* knabino. — Píšem list *o* dievčati. Pozor: „pri kom?“ je — *ĉe* kiu? ... „na kom?“ — *sur* kiu? ... „v kom?“ — *en* kiu?

*Siedmy pád* (náš „inštrumentál“) *„Kun“* — odpovedá na otázku: *s kým, s čím?* ... Mi korespondas kun knabo — dopisujem si s chlapcom ... *„Per“* — odpovedá na otázku: *kým, čím?* ... Mi salutas lin per letero (perletere) — pozdravujem ho listom (listovne). Pozor: per letero — listom, v esperante sú dve slová, lebo je to podstatné meno s predložkou, ale perletere (listovne) je prídavné meno, odpovedá na otázku: ako, akým spôsobom? ... preto v esperante je len jedno slovo. Zapamätajte si: *nad* čím? — *super* kio? ... *pred* čím — *antaŭ* kio? ... *pod* čím — *sub* kio? ... *za* čím? — *post* kio?

Prehľad skloňovania.

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 1. pád: | | bona amiko | — | dobrý priateľ |
| 2. | „ | de „ „ | | dobrého priateľa, od d. p. |
| 3. | „ | al „ .. | | dobrému p. -ovi, k d. p-ovi |
| 4. | „ | bonan amikon | | dobrého priateľa |
| 5. | „ | (ho) bona amiko | | (ó) dobrý priateľu! |
| 6. | „ | pri .. .. | | o dobrom priateľovi |
| 7. | „ | kun .. .. | | s dobrým priateľom |
| | | per „ „ | | dobrým priateľom |

*kara* — drahý, milý; *kora* — srdečný; *korea* — kórejský.

Kara korea amiko! Mi deziras korespondi kun vi! Sendu al mi longan, belan leteron! ... Kore vin salutas X. Y. — Drahý (milý) kórejský priateľu! Želám si dopisovať s Tebou. Pošli mi dlhý, pekný list! .. Srdečne Ťa pozdravuje X. Y.

Min — mňa; vin — teba (vás, Vás); lin — jeho; ŝin — ju; ĝin — ho; nin — nás; ilin — ich; onin — (neurč.: ľudí, viaceré osoby).

Prehľad časovania.

Časovanie v esperante je tiež veľmi jednoduché.

| | |
|---|---|
| *Koncovka prítomného času je* | *„-as“* |
| *minulého* | *„-is“* |
| *budúceho* | *„-os“* |
| *podmieňovacieho spôsobu* | *„-us“* |
| *rozkazovacieho spôsobu* | *„-u“* |
| *neurčitku* | *„-i“* |